23a Jaro - No 5 (243) Jara Kotiz-Abono Fr. 35,– Majo 1937a

# BELGA ★ ESPERANTISTO

Fondita en 1908a

Oficiala Organo de Reĝa Belga Ligo Esperantista

Societo sen profita celo. --- Belga Ŝtatgazeto 27.6.35

DIREKTORO:
Maur. JAUMOTTE
44, Avenuo De Bruyn
Wilryck-Antverpeno

PRI ĜENERALA JARKUNVENO

## Post Antverpeno : Charleroi

Dimanĉon pasintan, la 25an de Aprilo, okazis en Bruselo, la unua laŭleĝa jarkunsido de la Societo sen Profita Celo « Reĝa Belga Ligo Esperantista ».

De ĉio, kio estis pridiskutata, de ĉio, kio estis pridecidata, mi kredas, ke la plej atendinda fakto estas, kvankam ĝi nur estis momente tuŝata, ke, proksiman jaron, la 27a Belga Kongreso okazos en Charleroi.

Tiu fakto kompreneble, nenion havas en si, kio povas mirigi. Post urbo en la flandra lando, estas logike, ke ni denove iru al la valona parto.

Sed ĉio, kio estas logika, ne ĉiam okazas.

Nun jam de tri jaroj, ni konstatas la ĝojigan fakton, ke unu jaron antaŭ la okazo de kongreso, aro da samideanoj sin okupas pri ĝia organizo.

Tiel la Antverpena kongreso estas ankoraŭ okazonta, — kaj okazos, ni esperu, en plej bona atmosfero kaj kun plej granda sukceso —, kiam jam aliaj, pli junaj en la movado, deklaras sin pretaj repreni la laboron, por ke la ĉiam daŭranta ĉeno ne estu rompata.

Tiu fakto estas ĝojiga. Tiu fakto devis esti substrekata, ĉe l' repripenso de tiu kunsido de dimanĉo pasinta.

Krome, la kunsido estis pli malpli oficiala, kun la aprobo de la raporto, kiun verkis la Prezidanto, nome de la administrantaro ; kun la aprobo ankaŭ de la bilanco, kiu feliĉe montris, tiun ĉi jaron, malgrandan profiton, kiu povos esti uzata en la venontaj monatoj, por la grandega propagando, kiun la kunveno kaj poste la administrantaro decidis organizi.

En tiu ĉi kajero, la leganto trovos ankoraŭ pliajn detalojn pri elektoj kaj aproboj.

Sed tie ĉi ni preferas iom halti ĉe ceremonio, kiu okazis posttagmeze en la enterigejo de Evere, sur la tombo de nia bedaŭrata amiko Willem Van der Biest.

Nia Prezidanto kaj la prezidantino de la Esperantista Brusela Grupo laŭvice prikantis la gravajn servojn, kiujn tiu pioniro faris al nia movado.

Ĉar pioniro oni ja povas nomi tiun samideanon, kies eniro en nian movadon ne estas retrovebla en la plej malnovaj arĥivoj, ĉar li jam estis esperantisto kaj jam propagandis por nia kara lingvo, antaŭ la fondiĝo de grupoj kaj de la nacia organizaĵo.

Kvankam li dum kaj post la milito, vivis multajn jarojn en Anglujo, Willem Van der Biest restis, en nia lando, tre konata kaj, antaŭ ĉio, simpatia figuro.

Se la Bruselanoj povas fieri, ĉar li, dum iom da tempo, gvidis ilian grupon, la Antverpenanoj memoras, kun vera ĝojo kaj dankemo, ke li estis unu el la unuaj, kiuj antaŭenigis nian movadon en la Skeld-urbo.

Ĉu li mem ne esperantigis sian patron, S-ron Amatus Van der Biest, kiu poste iĝis prezidanto de la Ligo ?

Willem Van der Biest mem verdire neniam havis postenon en la estraro de « Belga Ligo Esperantista ». Li estis serioza, sed silentema laboranto. Tial precipe, la literaturo altiris lin. Kaj la Esperanta literaturo ŝuldas al li belegajn tradukojn kaj originalajn verketojn.

Kaj ĉiuj, kiuj dimanĉe repripensis la karan mortinton, vole nevole, ankaŭ diris al si, ke estis tre certe grandparte dank' al li, se iam povis okazi en nia Lando, en Antverpeno, du internaciaj kongresoj, kaj se, en nia tiuĉi-jara kongresurbo, troviĝas kerno de Esperantistoj, kiu klopodas alten teni nian standardon kaj organizi por la belga samideanaro unu plian belan jarfeston.

Ke tiu ĉi sukcesu, estas certe ĉies espero.

Kaj kiam tiu espero estos, post kelkaj tagoj, efektiviĝinta, tiam, kun danka penso al niaj antaŭuloj, kun danka penso al ĉiuj, kiuj nun, sur la diversaj kampoj, daŭrigas ilian laboron, ni gaje pensos pri la novuloj en nia movado, kiuj ne hezitas preni gravan taskon sur sin, kaj sen bedaŭro, ni tiam krios :

Mortis la Antverpena Kongreso ! Vivu do tiu de Charleroi !

Maur. JAUMOTTE.

# XXVIa BELGA ESPERANTO-KONGRESO

## ANTVERPENO 15-16-17 MAJO 1937

### LASTA KOMUNIKO.

Post du semajnoj la 26a Belga Kongreso de Esperanto malfermiĝos.

Dum du semajnoj la membroj de la L.K.K. povos ankoraŭ laboradi por ke la Kongreso plej bone sukcesu, laŭ organiza vidpunkto.

Sed pri ĉio alia vi mem devas zorgi :

**Pri la multnombra ĉeestado :** Ni efektive, kvankam la nombro de la aliĝintoj estas ja tre kontentiga, ne akiris jam la nombron, kiun iuj, ankaŭ ekster Antverpeno iam fiksis al si !

**Pri la akurata mendo :** Estas ankoraŭ multaj aliĝintoj, kiuj ne mendis, nek hotelon, nek manĝojn, nek ekskurson; pri kiuj do la L.K.K. ne scias ĉu ili venos.

**Pri ĝenerala partopreno en ĉiuj aranĝoj :** Diversaj ŝanĝoj estas faritaj en la programo, kompare al tiu de antaŭaj Kongresoj. Tio okazis por konservi libera la posttagmezon de la dimanĉo, tiel ke, ekster la lunda ekskurso, ankoraŭ restu tempo al ĉiuj por viziti la urbon. Sed ĝuste tial, neniu plu havas aŭ devus serĉi pretekston por ne-ĉeesti iun ajn aranĝon, kiu persone ne tiom plaĉas aŭ allogas.

Rilate al tio, ni ankaŭ atentigas, ke en la nunjara Kongreso, la sabata tago jam estas efektiva Kongrestago, kun ceremonio ĉe la monumento de la Militmortintoj, kun laborkunsido, kun kabaredvespero, kun balo. Tiuj, kiuj do alvenos dimanĉe en la antaŭtagmezo jam estos perdintaj la duonon de la Kongreso.

Ĉiu komprenas ke iuj ne kapablas veni pli frue, sed ke almenaŭ neniu alvenu dimanĉe, kiu havas eblecon jam foriri sabate posttagmeze.

La L.K.K. fidas, ke ĉiu komprenos sian devon, ke ĉiu sekvos la konsilojn suprediritajn kaj ke ĉiu krome alportos grandan provizon da bonhumoro. Ni montru al la publiko, ke ni estas gajaj homoj. Gajaj nur kapablas esti la homoj sanaj. Kaj sanaj ni estas, ĉar ni apartenas al movado, kiu serĉas ne nur la sanigon de la korpo, la sanigon de la animo, sed la sanigon de la homaro mem, per pli granda frateco inter la individuoj kaj popoloj.

Ke sub tiu signo, malfermiĝu nia 26a Belga Kongreso.

LA LOKA KONGRESA KOMITATO.

La jena programo estas kiel eble plej definitiva. Tamen la L.K.K. povus estis devigata ŝanĝi iale iujn detalojn. Tiuokaze la Kongresanoj ricevos en sia koverto ĉe la alveno folion kun indiko de la ŝanĝoj

**SABATE.**

14.00 h Malfermo de la akceptejo en la Kafejo-Hotelo «De Witte Leeuw», Frankrijklei, 4, Avenue de France.

La akceptejo estos aranĝata en la bilardsalono, malantaŭ la kafejo, sur la teretaĝo

Tuj post sia alveno, la Kongresanoj iru tien kaj demandu sian koverton.

De tie ili iros al la hotelo, kiu estas je maksimume kvin minutoj de la akceptejo.

15.00 h. Pro decido de la administrantaro de Reĝa Belga Ligo Esperantista tute ŝanĝi la regularon pri la ekzamenoj, ne okazos la antaŭvidita ekzameno pri profesora kapableco, por kiu cetere neniu kandidato sin enskribigis ĝis nun.

16.00 h. Vizito de delegitaro al la tombo de la Prezidinto Frans Schoofs.

La delegitoj estos antaŭe indikitaj kaj ricevos informojn rilate al la forirmomento kaj loko.

17.00 h. Florumado de la Monumento de la Milit-mortintoj, apud la Nacia Banko.

La Kongresanoj post vizito al sia hotelo povos renkonti unu la alian en la unua-etaĝa salono de « Witte Leeuw », ĝis kiam ili grupe forlasos la akceptejon por tiu vizito. La foriro okazos akurate je la 16a h. 45. Kvankam nur estas 10-minuta marŝado, notinde estas por eventualaj malfruiĝintoj ke la tramveturilo N-ro 1 kondukas al la Monumento (bileto de 75 centimoj ĝis Nacia Banko).

De la Nacia Banko, vizito al la Esperanto-Domo, Willemsstrato 21, kaj poste laŭ la Van Bree-strato kaj la Urba Parko al la Avenuo De Keyser kaj « Witte Leeuw ».

17.30 h Laborkunsido en la unua-etaĝa salono de « Witte Leeuw ».

Ordinare tiu kunsido daŭras proksimume unu horon ĝis unu horon kaj duonon. Tiuj kiuj deziras ke la L.K.K. mendu por ili malmultekostan manĝaĵon, tion estos dirintaj ĉe la alveno en la akceptejo. La aliaj manĝos kie ili mem elektos.

19.00 h. Vespermanĝeto por la mendintoj en la salono « Zenith », Frankrijklei, 50, Avenue de France.

20.30 h. En la salonego « Chatelet », Van Ertbornstrato, « Kabared-Vespero », organizata de la loka Reĝa Esperanto-Grupo « La Verda Stelo », kaj sekvata de dancado ĝis la 24a horo.

Konsiderante ke la antaŭa horo-divido estas tiela, ke ĉiu havos sufiĉan tempon, la por la Kabared-vespero fiksita horo estas la ekzakta komenc-horo.

La salonego « Chatelet » estas je 100 metroj de « Witte Leeuw » kaj je sama distanco de la de Keyserlei. La Van Ertbornstrato estas la daŭrigo de la Quellinstrato, sed je la alia flanko de la Avenuo de Keyser.

**DIMANĈE.**

9.00 h. Di-servo en la katolika Ĉefpreĝejo de Nia Sankta Virgulino (Kapelo Sta Jozefo, speciale rezervita por la Kongresanoj). Meso kaj prediko de Pastro Jozef De Maeyer.

Ni atentigas, ke, pro la fakto ke la kapelo enhavas nur 150 seĝojn, do ekzakte tion kion ni bezonas por nia kongresanaro, la dekana Moŝto petis nin ke ĉiu bonvolu montri ĉe la eniro de la kapelo sian kongresinsignon.

Je la 9 h. 45 ĉiu kunvenu antaŭ la ĉefelirejo de la ĉefpreĝejo kaj la grupiĝo okazu apud la Puto de Quinten Metsys, Handschoenmarkt — Marché aux Gants.

10.00 h. Oficiala Akcepto de la Urbestraro kaj vizito de la urbdomo.

En la urbdomo la paroladoj estas antaŭe fiksitaj. Dum la vizito oni havos okazon vidi la robon de la Reĝino Astrid, kiu estas tie montrata.

De la urbdomo la kongresanoj grupe foriros kaj survoje vidos la Urban Bibliotekon, la Preĝejon Sta Karolo Boromeo, la Komercan Borson, la Torengebouw, la Reĝan Palacon, la Rubens-domon, la Flandran Operejon.

11.15 h. Fotografado sur la ŝtuparo de la Operdomo.

De tie al la Quellinstrato.

11.30 h. Solena Kongresa Kunsido.

13.00 h. Komuna Tagmanĝo en la unua-etaĝa salono de la Hotelo-Restoracio « Roxy », Meirplaco (flanke de la kinejo).

Dum tiu tagmanĝo, kelkaj infanoj de la Antverpenaj Esperantistoj prezentos kelkajn kant- kaj deklamad-numerojn.

15.00 h. Vizitoj en grupoj al diversaj vidindaĵoj.

Oni vidu pri tio la notojn ĉi poste.

18.00 h. Festeno en la « Century-Palace Hotelo », Avenuo de Keyser.

Oni trairu la grandan akcepthalon, ĝis en la fundo kie estas la liftoj. Per la liftoj oni supreniru al la 12-a etaĝo, antaŭ la vestejo. La Festeno estos aranĝata en la Panorama Salono. Dum la festeno kaj ekster la toastoj, oni aŭdos kelkajn muziknumerojn.

21.00 h. Balo en la sama salonego, kun specialaj numeroj de la Bruĝaj grupaninoj kaj de la ĉarma F-ineto Monique De Vooght.
**Lasthore antaŭvidiĝas la bonvolema kunlaboro de F-ino Marcelle Bonge, artistino de la dancistaro de la « Monnaie »-teatro.**
La dancado daŭros almenaŭ ĝis la 25a.

**LUNDE.**

9.30 h. Vizito al la malgranda tunelo por piedirantoj.

De la Centra Stacidomo, laŭ la Avenuo de Keyser kaj la Meirplaco, la tramveturilo 2 kondukas al la enirejo, kiu estas apud la Skeldokajoj, je ducent metroj sude de la Steen kaj proksime do de la suda promenadejo.

10.00 h. Promenado sur la maldekstra Skeldo-bordo al « St. Anna-plage ».

Tiu promenado daŭras 20 ĝis 30 minutoj. Tiuj kiuj ne ŝatas promenadi povas iri per liliput-vagonareto (bileto Fr. 1,—) ĝis la loko kie atendos nin la specialaj aŭtobusoj.

10.45 h. Traveturado de la granda tunelo por rapidaj veturiloj ĝis la Centra Stacidomo.

11.15 h. Foriro de la speciala vagonaro al Lier.

Elirante la stacidomon de Lier ĉiu atentu la salonegon «Casino», kie okazos la komuna tagmanĝo.

12.00 h. Akcepto de la urbestraro kaj vizito de la urbdomo kaj poste de la Zimmertoren kaj Beginejo.

13.30 h. Komuna tagmanĝo en la teatra salono de « Casino ».

15.15 h. Foriro de la speciala vagonaro al Bouwel.

15.30 h. Alveno en Bouwel kaj promenado duonhora al la enŝipigejo.

Laŭ la vetero tiu promenado okazos laŭ la granda vojo aŭ tra la arbaro. Tiu ĉi lasta vojo estas iom pli mallonga.
Laŭplaĉe kaf-trinkado en « Normandie » apud la enŝipigejo.

17.00 h. Enŝipiĝo sur speciala rezervita « Wirtz-boato » kaj reveno al Antverpeno, laŭ la Albert-kanalo.

La « Wirtz »-boatoj apartenas al la tipo de la Moz-ŝipoj inter Namur kaj Dinant. Ili estas plene kovritaj, havas oportunajn sidlokojn kaj malsupre trinkejon.
Pro la fakto ke la ŝipo estas rezervita por ni, ni estos tutliberaj — inter la klarigoj tre certe deziritaj — kanti niajn plej belajn Esperanto-kantojn.

19.00 h. Alveno ĉe la Strasburga-doko, je la Noorderlaan kaj tuja foriro de la specialaj tramveturiloj al « Witte Leeuw ».

Tiuj rapidaj elektraj tramoj de la Nacia Societo de Interkomunumaj Tramoj, haltas ekzakte kontraŭ la akceptejo.
Tiuj, kiuj antaŭvidas la nepre necesan foriron el Antverpeno antaŭ la oka, do matene jam preparos siajn valizojn kaj konservigos ilin, ĉu en la deponejo de la stacidomo mem, ĉu en « Witte Leeuw », tiel ke ili facile povu ĝustatempe foriri.

19.30 h. Intima kunveno en la unua-etaĝa salono de « Witte Leeuw » ĝis la definitiva disiĝa kaj forira horo.

Se iuj deziras, ke tuj post alveno en la centro de la urbo, la L.K.K. ankoraŭ zorgu por eta manĝo, ili estas petataj tion diri ĉe ĉia alveno sabate, samtempe, kiam ili demandas por la sabata vespero. Tian manĝon oni tiam same povus aranĝi en « Zenith », sama avenuo N-ro 50.

**ADIAŬO.**

Kaj nun, kelkaj rimarkoj, kiuj estas ĉu respondoj al petoj, ĉu konsiloj nepre sekvotaj :

La adreso de la Kongreso estas ĉe la Prezidanto de la L.K.K.: 44, Avenuo De Bruyn, Wilrijck, ANTVERPENO. Oni sendu al tiu adreso ĉion, kio rilatas la Kongreson: leterojn, aliĝilojn, pagojn pere de la Kongresa Poŝtĉeknumero 1119.10.

La prezidanto mem dividos ĉion, laŭ la fakoj.

* * *

La prezoj indikitaj sur la aliĝilo estas :
**kun trinkmono** : por la manĝoj (dimanĉa kaj lunda tagmanĝoj, festeno);
**sen trinkmono** : por la hotelo. Kiel indikite sur la aliĝiloj, oni nepre aldonu 10 % por la servo.

Ni atentigas ke la kongresanoj N-roj :

**4, 11, 37, 45, 158, 161, 162, 163, 164, 169**

sendis sumon, ne aldonante la 10 %. Ni konjektas ke ili estas pretaj tiujn pagi kaj atendas pri tio, ĉu krompagon, ĉu almenaŭ pagpromeson.

Se la L.K.K. ricevas nek unu, nek alian antaŭ la 8a de Majo, ĝi luos ĉambron pli malmultekostan en malpli komforta hotelo.

* * *

Iuj Kongresanoj demandis, ĉu por Fr. 17,50 ĝis Fr. 25,— por unu persono oni estas bone loĝata. Ni respondu ke por Fr. 25,— ni ja vere povas elekti inter diversaj tre bonaj burĝaj hoteloj.

Se tamen iuj deziras ĉambron kun bano, aŭ ĉambron en palace-hotelo, kiel « Century », ili aldonu 5 aŭ 10 frankoj. Por Fr. 35 ili tiam havos ĉiun lukson imageblan.

Se ni citis la prezojn fiksitajn de ni, estas ĉar ni supozas, ke tiuj, kiuj mendas ĉambrojn ĉe la L.K.K., deziras nepre esti fiksataj pri la elspezoj farotaj kaj ne riski, ĉu eniri malbonan hotelon, ĉu pagi tro.

* * *

Pri la vestaĵoj, ni respondas al kelkaj demandoj, ke Antverpeno konservos la tradicion de la antaŭaj kongresoj. La elekto de la salonoj nenion ŝanĝos pri tio.

Ni prosperte scias, ke niaj bonaj kunulinoj ŝatas por la vesperfesto, — kaj la vesperfesto nun komenciĝos per la festeno — montri sin, ni nur diru « sub alia angulo », « en alia atmosfero » ol dum la tago. Ili pravas kaj ni estas tre dankemaj al ili. Pri la sinjoroj, ni komprenas ke ne ĉiuj ŝatas kunpreni multajn vestaĵojn. Ili do faru laŭplaĉe aŭ kiel plaĉos al la ulino de... ilia revo !

Pri la trinkaĵoj, neniu estos devigata mendi vinojn, ankaŭ ne dum la festeno.

La aranĝoj estas farataj tiele, ke la trinkaĵoj estos prezentataj je jenaj prezoj :

Sabata kabaredvespero : trinkado deviga nur post la kabareda parto : Fr. 3 por ordinara trinkaĵo (biero, kafo, k.c.).

Dimanĉa tagmanĝo : Fr. 1,75 por ĉiu ordinara trinkaĵo.

Dimanĉa festeno : Fr. 2,75 por ĉiu ordinara trinkaĵo kaj komence de Fr. 12 por 1/2 botelo da vino. Samaj prezoj dum la Balo.

* * *

La dimanĉon ĉiu estos libera tuj post la tagmanĝo, ĝis la festeno.

Tamen la L.K.K. intencas aranĝi almenaŭ du vizitojn :

1. Grupo iros al la Zoologia Ĝardeno (gvidado de S-ro Faes). Tiu vizito kiam temas pri personoj fremdaj al Antverpeno kaj kiuj vizitas ĝin, se ne por la unua fojo, tamen post iom longa tempo, daŭros almenaŭ 1 horon 1/2.

2. Alia grupo iros al la Muzeo Plantin (gvidado de S-ro Jaumotte). Tiu vizito daŭros proksimume unu horon. Poste la partoprenantoj vizitos la havenan kaj malnovan kvartalon de la urbo.

Se dezirate, iu aŭ alia Antverpenano gvidos malgrandan grupon al iu difinita konstruaĵo, kies vizito estas demandata :

1. Muzeo de Belaj Artoj.
2. La turo de la « Torengebouw » aŭ io alia.

Ĉiuj organizataj vizitoj finiĝos tiele ke la partoprenintoj havos la necesan tempon por reiri al la hoteloj, alivestiĝi kaj esti akurate en la Festenejo.

* * *

LISTO DE ALIĜINTOJ :

151. S-ro Leon Braet, Nieuwpoort.
152. S-ro Carlos Braet, Nieuwpoort.
153. S-ro Marcel Braet, Nieuwpoort.
154. S-ro Eugène Guillaume, Bruĝo.
155. S-ro Charles Stobbaerts, Antverpeno.
156. S-ro Ach. Wauters, Antverpeno.
157. S-ro Charles Martiny, Lieĝo.
158. F-ino Julia Plyson, Bruselo.
159. F-ino Louise Plyson, Bruselo.
160. S-ro Pastro De Maeyer, Nivelles.
161. S-ro Georges Ockerman, Ronse.
162. S-ino Ockerman, Ronse.
163. S-ino Henri Petiau, Gento.
164. S-ro E. L. Johnson, Bruselo.
165. S-ino Liv. Merckx-Herinx, Antverpeno.
166. F-ino Paula Kerckhof, Bruselo.
167. S-ro J. Riksman, Rotterdam.
168. S-ro D-ro P. Desmoulin, Douai.
169. S-ro Jacques Timmerman, Gento.
170. S-ino Vrielynck-Hubrecht, Bruĝo.
171. S-ro Jan Faes, Antverpeno.
172. F-ino Cécile Faes, Antverpeno.
173. S-ro Willy Houben, Antverpeno.
174. S-ino W. Houben, Antverpeno.
175. S-ro Sebreghts, Antverpeno.
176. S-ino Sebreghts, Antverpeno.
177. S-ro Ed. Verbeke, Bruĝo.
178. S-ro Daems, Antverpeno.
179. S-ro Henri Sielens, Antverpeno.
180. S-ro Edgard De Coster, Antverpeno.
181. F-ino Gilberte Van den Bossche, Antv.
182. S-ro Fr. J. Haselier, Kerkrade (Ned.).

## LA JARLIBRO 1937 DE I. E. L.

Ĉiuj membroj, kiuj pagis sian kotizon por I.E.L. ricevis en la daŭro de pasinta monato la Jarlibron por la jaro 1937. Ĉiuj ankaŭ estos konstatintaj, ke ĝi samtempe estas la ora libro, memore al la 50-jara ekzisto de Esperanto.

**SIGELMARKOJ** : Ankaŭ eldoniĝis belaj IEL-sigelmarkoj, haveblaj ĉe S-ro G. Van den Bossche, Willemsstrato, 21, Antverpeno (1,75 Fr. po 50 ekz.).

# Iom pri Lier kaj Bouwel

Eble povas esti interese ekscii iom pri Lier kaj Bouwel, kien kondukos nin la lunda ekskurso, dum la venonta esperanto-kongreso en Antverpeno.

Lier estas ĉarma urbeto ! Tio, kion oni tuj rimarkas, kiam oni vidas ĝin por la unua fojo, estas tiu nedifinebla spirito de vivoĝojo, kiu kvazaŭ lumigas la tutan aspekton de la urbeto. Dum la mondmilito, multaj domoj estis detruitaj, sed poste la urbo reaperis el siaj ruinoj, pli bela, pli koketa ol iam. Kaj tio pruvas kiom laboremaj kaj artemaj estas ĝiaj enloĝantoj. Dum promenado tra tiu urbeto, fama pro ĝia industrio de fantaziaĵoj, perlaĵoj, ŝuoj, tranĉiloj kaj... ni ne forgesu la neimiteblajn « vlaaikens », oni povas admiri ĝian belan grand'placon, kun la imponа urbdomo, la antikvan preĝejon de Sankt-Gommarus, la reveman beginejon, kie vagas ankoraŭ la spirito de Ernest Staes. Por la amantoj de pentrindaj anguletoj, promenado laŭlonge de la malnovaj remparoj estas konsilinda. De tie oni havas bonan rigardon sur la belaj ĉirkaŭaĵoj, la Netherivereto, fluanta tra freŝaj, verdaj herbejoj kaj kampoj.

Sed en tiu alloga urbeto ankaŭ vivas homoj, kies famo disvastiĝis ne nur tra la lando, sed eĉ tra la mondo, ĉar Liero povas fieri pri homoj kiel Lodewijk Van Boeckel, la artforĝisto, Felix Timmermans kies libroj estis jam ofte tradukitaj en multaj lingvoj kaj Louis Zimmer, la genia horloĝisto, kiu kreis multajn mirindaĵojn, laŭ mekanika kaj teknika vidpunkto. Lier dankas al li tiun unikan vidindaĵon, kiu estas la « Zimmer »-turo kaj kiu datumas de 1930. La turo mem estis ruinigita restaĵo de la unuaj remparoj, kiun oni tute rekonstruis. Ĝi staras apud la Muzeo de Antikvaĵoj kaj Folkloro kaj en ĝi konserviĝas la familio de la lieraj gigantoj. Sub ĝia tegmento, oni instalis la mirindan Jubile-horloĝon de Zimmer, kiu povas esti komparata al la mondfama horloĝo de Strasburgo kaj eble superas ĝin laŭ teknika kompleteco.

Estas ankoraŭ aliaj vidindaĵoj, kiujn la urbo dankas al la genio de Zimmer. Ekzemple, tre notindan kaj maloftan perfektigaĵon posedas la turhorloĝo de Sankt-Gommaruspreĝejo. Dumnokte, ĝia ciferplato estas elektrike lumigita kaj de malproksime oni povas vidi la horon. Sed tion niaj gekongresanoj ne havos la okazon admiri, ĉar longe antaŭ vesperiĝo, ili daŭrigos la ekskurson al Bouwel.

De la vilaĝo Bouwel mem oni ne multe vidos, ĉar duonhora promenado kondukos la ekskursantojn rekte de la stacidomo al la enŝipigejo, promenado tra bela kamparo kun densaj arbaretoj, ondiĝantaj sablomontetoj kaj trankvilaj erikejoj.



La Zimmer-turo de Lier.

Kaj tiam la boato rekondukos ilin al Antverpeno, laŭlonge de tiu grandioza Albert-kanalo, monumento de homa energio kaj teknika perfekteco, kiun oni konstruis rekte tra tiu bela Kempenlando kun ĝiaj vastaj horizontoj kaj melankolia soleco.

Alproksimiĝante Antverpenon, la pejzaĵo, iom post iom, ŝanĝiĝos, la kamparo malaperos por lasi la lokon al imponaj fabrikejoj kaj laborejoj, kiuj sin sekvas laŭ ambaŭ flankoj de la kanalo. Kaj estos en plena haveno, tutproksime de la ardanta, bruanta, vivega urbo, ke finiĝos tiu bela ekskurso.

J. V.

# BELGA KRONIKO

## Jarkunveno de Reĝa Belga Ligo Esperantista 25-an de Aprilo.

Pasintan dimanĉon okazis, en Bruselo, en hotelo « Albert I », la laŭleĝa jarkunveno de « Reĝa Belga Ligo sperantista ».

La estraro : S-ro Kempeneers, prezidanto ; S-ro Cogen, vicprezidanto ; F-ino Thooris, vicprezidantino; S-ro Jaumotte, ĝenerala sekretario-kasisto, kiu funkciis, kiel administrantaro, dum la jaro 1936, prezentis raporton, legitan de S-ro Kempeneers kaj kiu akiris la unuaniman aprobon.

S-ro Jaumotte tiam klarigis la staton de la kaso. La bilanco de la pasinta jaro montras profiton de iom pli ol 1.000 frankoj, tiel ke la havaĵo, je la 31a de Decembro 1936, estas iom pli ol Fr. 4.000.

Tiuj ciferoj, ekzamenitaj de S-ino Staes-Van de Voorde kaj S-ro Robert, funkciantaj kiel provizoraj komisaroj, estis ankaŭ unuanime aprobataj.

La administrantaro estas nun kunmetata el: S-roj Jaumotte, Boffejon kaj Faes (Antverpeno); F-ino Thooris kaj S-ro Poupeye (Bruĝo); S-roj Kempeneers kaj Swinne (Bruselo); S-ro Van de Velde (Gento); Tassin (La Louvière); Dechesne (Sclessin) kaj Cafonnette (Charleroi), rektaj elektitoj, kaj F-ino Jennen kaj S-ro Cogen, proponitaj de la administrantaro mem.

Estis elektataj, kiel komisaroj S-ro Mathieux, iama kasisto, kaj la advokatoj Roost kaj Robert, al kiuj oni demandos, samtempe, atenti la laŭleĝajn aranĝojn.

La kotizo por la izoluloj estas altigata ĝis Fr. 35. Pri la aliaj kotizoj oni reparolos, kvankam la plialtigo de la prezoj antaŭvidigas pligrandigon de la elspezoj por presado k.c.

***

**KUNVENO DE LA ADMINISTRANTARO.**

Post la ĝenerala kunsido, la nova administrantaro kunsidis, por la kunmeto de la estraro.

Pro la demando de S-roj Cogen, kiu, pro manko da tempo, ne demandas renovigon de sia mandato kaj Jaumotte, kiu demandas esti malŝarĝata de parto de lia nun tro ampleksa laboro, estis antaŭvidita la elekto de S-ro Cogen, kiel vicprezidanto « pro honoro », kaj de S-ro Jaumotte, kiel vicprezidanto, por anstataŭi S-ron Cogen.

Ĉar tamen la trovo de ĝenerala sekretario aperis malfacila, estis decidate ke, provizore, la estraro restos kunmetita el : S-ro Kempeneers, prezidanto; Cogen, vicprezidanto; F-ino Thooris vicprezidantino, S-ro Jaumotte, ĝenerala sekretario; S-ro Tassin reprenos la kasistan fakon, dum la du sekretarioj Poupeye por la flandra parto kaj Dechesne por la valona parto de la lando, trovos plian helpon, ĉe S-ro Swinne (Bruselo), elektita, kiel tria sekretario.

## GRUPA KALENDARO :

ANTVERPENO. — **Reĝa Esperanto-Grupo « La Verda Stelo ».** — Kunvenejo « De Witte Leeuw », Frankrijklei, 4, Avenue de France : ĉiusabate je 20.30-a h. (atentu la horŝanĝon).

Sabaton, la 1-an de Majo : intima kunveno.

Sabaton, la 8-an : Lastaj aranĝoj por la Kongreso.

Sabaton, la 15-an : Malfermo de la Kongreso.

Sabaton la 22-an : Raporto pri la Kongreso.

Sabaton, la 29-an : Komuna vespermanĝo en « Zenith ».

BRUĜO. — **Bruĝa Grupo Esperantista, Reĝa Societo.** — Ĉiumarde, je la 20-a. — SIDEJO : « Gouden Hoorn-Cornet d'Or », placo Simon Stevin, tel. 314.59.

KUNVENEJO : Salonego de la Kooperativa Soc. EENDRACHT-UNION, enirejo kontraŭ la Aŭgustana Ponto.

Kunvenoj dum majo 1937 : ĉiuj en la Kunvenejo.

Mardon, la 4-an de Majo : a) Legado kaj klarigado de B.E. (Prez. s-ro Ch. Poupeye) ; b) Preparado por la Kongreso.

Mardon, la 11-an : a) Kantvespero sub gvidado de F-ino A. Boereboom ; ĉe la piano : S-ino Poupeye aŭ S-ino Van Roye ; b) Preparado por la Kongreso.

La 15, 16, 17-an : Belga Kongreso en Antverpeno.

Mardon, la 18-an : Raportado pri la Kongreso. (Prez. F-ino M. Vanden Berghe).

Mardon, la 25-an : Debato « Viro aŭ Virino » (Prez. S-ro K. Decoster).

N.B. — Dum ĉiu ordinara kunveno : instrua parto, klarigado de tekstoj, daŭrigo de la legado « Vivo de Zamenhof » ktp. — La grupa BIBLIOTEKO estas malfermata ĉiumarde, de la 19.30-a ĝis la 20-a, en la SIDEJO.

BRUSELO. — **« Esperantista Brusela Grupo ».** — Kunvenejo : « Hotelo Albert I », Placo Rogier, 10, ĉiulunde je la 20.30-a horo.

Lundon, la 3an de Majo : ne okazos kunveno.

Mardon, la 4an : Festo je la honoro de la lernantoj de E.R.B., en Albert I, Salon Mandarin, je la 20a h. Enirejo : angulo de la stratoj Sta Lazaro kaj Gineste. Programo : Komedio « Esperanto kaj Amo », de S-ino Faes ; Opera repertuaro, S-ino Elly Staes ; Originalaj versoj kaj kantetoj, S-ro J. Alofs.

Vendredon la 7an : Komitatkunveno.

Lundon, la 10an : Kantvespero.

Ĵaŭdon, la 13an : Festo organizita de la lernantoj de E.R.B.

Lundon, la 17an : pro la NACIA KONGRESO, ne okazos grupa kunveno.

Lundon, la 24an : Parolata ĵurnalo. Raportoj pri la Kongreso.

Lundon, la 31an: Prelego de F. Swinne: « La venontaj Valutfaloj ». Poste oni faros societludojn.

GENTO — **Genta Grupo Esperantista.** — Kunvenejo en la lernejo Nova Strato Sankta Petro n-ro 45: ĉiumerkrede je la 7-a vespere.

## GRUPAJ RAPORTOJ :

**ANTVERPENO. — Reĝa Esperanto-Grupo « La Verda Stelo ».** — La 20-an de Marto okazis plej bone sukcesinta Printemp-muzika koncerto, por kiu kunmetis plej allogan programon S-ino Van der Veken-Van Bockel. Al la efektivigo partoprenis S-inoj L. Faes-Janssens kaj J. Vander Veken-Van Bockel kaj S-roj Ameryckx kaj Vermuyten, kiuj, per belaj kantoj, deklamadoj kaj piano-ludo plenigis tutan vesperon.

Inter du partoj de la programo S-ro Jaumotte gratulis la tri lernintojn de la kurso de S-ro Van Dyck, kiuj akiris la diplomon, nome s-rojn Saen, Sepelinski kaj Lipschutz.

Li ankaŭ kore dankis la profesoron

La 27-an okazis Paska festeto, dum kiu estis forlotataj la surprizoj, kiujn la membroj kunportis.

La 3-an de Aprilo, la « saŭrkraŭt-vespero » en « Zenith » plian fojon pruvis, ke la Verdstelanoj ŝatas sidi, ĉirkaŭ bone garnita tablo.

La 10-an okazis parolado de S-ro Faes pri « Malnova Antverpeno ». Tiu interesa klarigado estis multe aplaŭdata de multnombra ĉeestantaro

La 17-an okazis la parolata ĵurnalo al kiu partoprenis S-ro Jaumotte, kiu faris la ĉefartikolon pri la Kongreso, S-ro Lodema kiu raportis pri la Nederlanda Kongreso en Den Helder kaj F-ino Mathilde Hofkens, kiu faris artikolon pri la virinoj de la estonteco.

— La 27-an de Aprilo, mortis, en Antverpeno, S-ino V-ino Van der Veken, patrino kaj bopatrino de G-roj Ch. Van der Veken-Van Bockel, gekomitatanoj de « La Verda Stelo »; de niaj anglaj gesamideanoj G-roj Coventry-Van der Veken; de F-ino Yvonne Van der Veken, membrino de « La Verda Stelo » kaj de niaj usonaj gesamideanoj Chomette-Van der Veken. Al ĉiuj tiuj bonaj geamikoj, ni prezentas niajn plej profundajn sentojn de kondolenco.

**BRUĜO. — « Bruĝa Grupo Esperantista », Reĝa Societo.** — La 16-an de Marto, post legado el « Vivo de Zamenhof » farita de S-ro Groothaert, okazis kanta vespero sub gvidado de F-ino Boereboom kaj S-ino Van Roye ; nova kanto estis lernata.

La 23-an, S-ro Rombauts parolis pri fotografado. Li sukcesis interesi ĉiujn pri tiu bela arto, kiun li praktikas kiel amatoro. Li elmontris simplan manieron por mem riveli negativojn kaj presi fotografaĵojn. Fine li montris belegajn pligrandigojn faritajn de li. S-ro Van Roye, deĵoranta kunvenprezidanto, varme dankis kaj gratulis la simpatian parolinton.

La 30-an, post legado el « Vivo de Zamenhof », farita de S-ro Groothaert, S-ro Poupeye gvidis interparoladon, inter alie, pri la grupa festeto de la 18-a de Aprilo. Fine, S-ro de Vooght gvidis la unuan danclecionon de la « Esperantista Rondo ».

La 6-an de Aprilo, S-ro Poupeye gvidis la legadon de B.E. kaj donis la necesajn klarigojn. Pro nova familia funebro S-ro de Vooght ne povis gvidi la danclecionon.

La 13-an, okazis plia kantvespero, sub gvidado de F-ino A. Boereboom kaj S-ino Van Roye. Dua parto de la kunveno estis dediĉata al provdancado de « Esperantista Rondo » gvidata de S-ro de Vooght.

**BRUSELO .— Esperantista Brusela Grupo.** — La 15-an de Marto S-ro Mathieuw, malnova Esperantisto kaj iama kasisto de Belga Ligo, faris allogan paroladon pri Bretonlando. Dank' al mirindaj lumbildoj kaj artplena filmo, oni povis admiri la diversaspektan landon ĉirkaŭ Dinan, Plouarec, Douarnenez, Quinmper, ktp. F-ino Jennen dankis kaj gratulis nian bonan samideanon.

La 22-an okazis, sub la gvidado de S-ino Plyson, plej bone sukcesinta parolata ĵurnalo, al kiu partoprenis F-ino Angelet, S-ino Castel, S-ino Hart, S-ro Dyzerinck, kaj S-ro Oleffe.

S-ino Staes, kiu anstataŭis F-inon Jennen, kiu vojaĝis eksterlanden, legis telegramon senditan al S-ino Morris, okaze de la katastrofo de New-London.

La 5-an de Aprilo S-ro Steiner, el Vieno,

alkondukita de S-ro Kempeneers, vizitis la grupon, faris interesan paroladon pri Aŭstrujo, pri la kongreso de Budapest kaj pri sia vojaĝo al Anglujo, tra Nederlando kaj Belgujo.

Post klarigoj de S-ino Staes, sekvis gaja kantado.

**Ĉe Esperantista Reprezentantaro Brusela.**

Tridek lernantoj partoprenis la Cseh-kurson organizitan de E.R.B., kaj gviditan de S-ro F. W. Buenting en Centralhotelo. La kurso, kvankam tre kompleta, daŭris nur dek semajnojn· okazis du lecionoj posemajne (kiel en la kurso de Nivelles).

La maniero tute originala, laŭ kiu S-ro Buenting gvidas Cseh-kursojn, estas nepridiskuteble tre simpla kaj vere efika. Nur ĉeestante la kurson, oni povus juĝi pri tio ; ekzemple, neniam temas pri la akuzativo dum la kurso : tamen ĉiuj lernantoj bone scias, kien meti la literon N.

Ni ankaŭ gratulu S-ron Buenting pro lia nelacigebla agemo.

Ĵaŭdon la 13an de Majo, la lernantoj de E.R.B. organizos mem feston al kiu, ili invitos la amikojn kaj la malnovajn esperantistojn. Jen la nomoj de la festkomitatanoj: S-ino Pierre, S-roj Halet, Kirsten, Moreau, Vanderstempel.

Je sia flanko, Brusela Grupo okazigos feston, je la honoro de la lernantoj, en Albert I, Salon Mandarin, mardon 4an de Majo, je la 20a h.

**GENTO. — Genta Grupo Esperantista. —** La grupa kunveno en la monato de Aprilo okazis la 8an, en la hejmo de S-ino De Rijcke, kiu ne laciĝas en la praktikado de gastemo.

Pro diversaj cirkonstancoj, nur malmultaj ĉeestis.

La forrestintoj ne ĝuis do la interesan demonstradon, faritan de S-ino De Rijcke, pri flikado de ŝtrumpoj ĉiuspecaj, laŭ metodo tute moderna. La konatiĝo kun la metodo okazis per esperantaj eksterlandaj interrilatoj. Precipe fraŭloj estis dankemaj al Sinjorino, ili vidos gravan plifaciligon de sia vivo, dank' al la nova procedo.

Sekvis tiam mallongaj paroladoj 2-10 minutaj, de ĉiuj ĉeestantoj, pri la temo « Utileco kaj neutileco de la flugmaŝino ».

Ĝenerale, oni montris sin adepto de la teknika progreso, tamen estis kelkaj kiuj malaprobis la rapidegantan tendencon.

Kaŭzis miron, la improvizita parolvico de juna komencanta samideano, pro lia bona lingvoscio.

Lecionoj okazis regule ĉiusemajne.

## FAMILIA KRONIKO

**NEKROLOGO.**

**Je la momento presi, ni ekscias pri la morto, en Lodelinsart-apud-Charleroi, je 73-jara aĝo, de nia tre malnova samideano Arthur Henraut, kiu, jam antaŭ la milito, propagandis por nia movado. Ĝis antaŭ du jaroj, li gvidis regule kurson en la regiono de Charleroi. Li ankaŭ estis delegito de UEA.**

**Ni povas diri, ke estas, grandparte, dank' al li, se en lia regiono, R.B.L.E. trovis junajn fortojn, kiuj nun daŭrigas lian laboron.**

La 12-an de Aprilo 1937 mortis en Bruĝo : S-ino Hélène DELPLACE membrino de la Bruĝa Grupo, vidvino de la karmemora A. J. WITTERYCK, formortinta Honora Prezidinto de Belga Ligo kaj de la Bruĝa Grupo. Al ŝiaj filino kaj bofilo, Ges-roj R. Segers-Witteryck, ni prezentas plej koran kunsenton.

**GRATULOJ.**

Al S-ro Oscar COSTENOBLE, fidela membro de la Bruĝa Grupo, kaj al S-ino Costenoble, pro naskiĝo de filineto : Maria (1-4-37).

# La Oficiala Programo de la Pariza Konferenco

Ĝis la 13-a de majo, la Ĝenerala Sekretariejo de la Konferenco estas : 34, rue de Chabrol, Paris 10, Tel. Provence 52-24.

Ek de la 14-a de majo, ĝi estas en « Maison de la Chimie », 28, rue de Saint Dominique, Paris 7, apud la Ekspozicio, Tel. Invalides 10-73, kie okazos la Konferenco.

En la sekvonta programo, la litero « T » signifas : « Entenata en la Turisma Servo », la litero « A » signifas : « Entenata en la Aliĝkotizo ».

Ni memorigas ke la prezoj de la « turisma servo » estas 150 fr. fk. por komfortaj hoteloj, 180 fr. fk. por bonaj hoteloj kaj 200 fr. fk. por tre bonaj hoteloj. La aliĝkotizo estas 100 fk., 75 fk., 60 fr.

**VENDREDO, 14 MAJO 1937.**

**9 h.** Malfermo de la akceptejo. — Libervola vizito de la ekspozicio, sub gvidado de Parizaj esperantistoj.

**T 14 h.** Vizito de la Ekspozicio, laŭ arta kaj teknika vidpunktoj.

**T 21 h.** Vizito de la Ekspozicio, nokte, laŭ amuza vidpunkto.

**T 0 h.** Tranokto.

**SABATO, 15 MAJO 1937.**

**8 h.** Malfermo de la akceptejo.

**T 9 h. 30** Vizito de la urbo per aŭtoĉaroj.

**A 9 h. 30** Instaliĝo de la diversaj sekcioj en la diversaj lokoj de la Konferencejo. — Preparado de la tagordoj.

**A 14 h.** En THEATRE DES CHAMPS ELYSEES, la plej bela kaj moderna teatro en Paris, Solena malferma kunsido de la Konferenco, kun partopreno de grava muzikistaro kaj ĥoristoj (200 partoprenantoj).

**A 17 h. 30** Oficiala teo, oferata de s-ro André BAUDET, Prezidanto de la Konferenco, Prezidanto de la Administrantaro de la Grandaj Magazenoj « Au Bon Marché », en tiuj magazenoj.

**A 21 h.** Teatra vespero Unua prezentado de la propaganda Esperanta filmo « Antaŭen », kaj de la bonhumora revuo de Raymond Schwarz: « NEK... NEK... », ludata de la artistoj de la Kompanio « Arto kaj Laboro ».

**T 0 h.** Tranokto.

**DIMANĈO, 16 MAJO 1937.**

**8 h.** Malfermo de la akceptejo.

**A 9 h.** Laborkunsidoj de la 4 sekcioj kaj subsekcioj.

**A 11 h. 15** Prelego pri sensacia temo kun filmo.

**T 14 h.** Por tiuj, kiuj ne povis partopreni la viziton de la Ekspozicio la 14.5., vizito de la Ekspozicio laŭ arta kaj teknika vidpunktoj.

**A 14 h.** Daŭrigo de la laborkunsidoj.

**A 17 h. 30** Prelego pri sensacia temo kun filmo aŭ lumbildoj.

**21 h.** Nacia kongreso de SFPE.

**A 21 h.** Libervola vizito de iu ajn Pariza kvartalo (Latin, Montparnasse) sub gvidado de Parizaj esperantistoj.

**T 22 h. 30** Komenco de la vizito de Montmartre.

**T 23 h. 35** Eniro en noktamuzejon en Montmortre.

**T 0 h.** Festo en Moulin-Rouge ; French Cancan, ktp...

**T 2 h.** Tranokto.

---

**MEZEPOKA LITERATURO.**

# Rejnart la Vulpo

La mezepoka nederlandlingva teksto de la mondfama bestepopeo « La Vivo de Rejnart la Vulpo » datumas de ĉirkaŭ 1250, kaj malnova manuskripto mencias kiel aŭtorojn la poetojn ARNOUT, kiu verkis la unuan parton, kaj WILLEM, kiu daŭrigis la romanon. Tiu meznederlanda teksto restas unu el la ĉefverkoj de la mondliteraturo: la karakterizaj agoj de la bestoj estas mirige ĝuste pentritaj; kiel en vera historio la okazintaĵoj interligiĝas kaj, en taŭga, viva, ironia stilo, ĉio sin sekvas regule kun kreskanta intereso. Manuskriptoj el la 15a jarcento troviĝas en Stuttgart, Bruselo, 's-Gravenhage...

RESUMO KAJ FRAGMENTO. Sekve de multaj plendoj de viktimoj de la ruza vulpo Rejnart, la urso Bruno, sendita de la leono Nobel, reĝo de la bestoj, alvenas en la vulpejon kaj konsilas al la vulpo sin prezenti antaŭ la kortego. La vulpo respondas:

. . . . . . . . . . . . . .

**« Eĉ ja sen admon' de vi**
**Mi intencis jam nun esti**
**Ĉe la reĝ' en la korteg'.**
**Tie ĉi devigas resti**
**Min nun ventrodoloreg',**
**Ĉar mi estas tiel sata**
**Kaj pro l' ventro nun ĝenata,**
**Tiel plenigita ke**
**Marŝi eĉ mi povas ne.**
**Mi nenion povas fari,**
**Eĉ ne sidi kaj ne stari. »**
**« Rejnart kara, diru min,**
**Kio do satigis vin? »**
**« Brun', amiko, mi sincere**
**Ofte vivas nur mizere**
**Kaj do tiam pro senec'**
**Kontentiĝas mi per pec'**
**Nur de pano el sekal'**
**Kun mielo por regal';**

**Sed apenaŭ manĝis mi**
**La nutraĵon sen valoro,**
**Kaj glutita estis ĝi,**
**Ke komencis la doloro. »**
**Bruno tuj la kapon levis**
**Kaj pro mir' ekkrii devis:**
**« Al vi plaĉas ne miel'!**
**Helpu, helpu min, ĉiel'!**
**La mielĉelaron mi**
**Ŝatas, ĉar ja estas ĝi**
**Por mi la plej dolĉa revo,**
**Nobla Rejnart, milda nevo. »**
**« Brun', mielo ? ŝercas vi ! »**
**« Tute ne primokas mi;**
**Honestulo pensas ke**
**Ŝerco tute decas ne. »**
**« Diru, Brun', al mi la veron,**
**Ĉar se havas vi preferon**
**Por miel', sciigu min,**
**Vi amase havos ĝin,**
**Jes, amase, estus vi**
**Eĉ dekope antaŭ ĝi. »**
**« Eĉ dekope? Vi troigas**
**Ĉar sincere mi certigas,**
**Ke l' mielon manĝus mi,**
**Kiu sin de tie ĉi**
**Ĝis la Portugala tero**
**Trovas, sola, mi en vero... »**

Sed anstataŭ mielon, la kredema kaj manĝema urso, kiun Rejnart altiras perfide en kaptilon, ricevos teruran batadon de la kamparanoj.

En la romano daŭras la aventuroj de la bestomondo kaj la verko finiĝas per la triumfo de la ruzo super la forto.

Tradukis kaj komentariis
Jules Alofs.

# La Gazetaro Parolas

**Redaktas H.A.R.S.**

**Esperanto kaj Fervojoj.** — En la stacidomo Saint-Lazare en Parizo, estis organizataj oficialaj esperanto-kursoj de la Fervojoj Ŝtataj.

— La administracio de la Fervojoj de Finnlando permesis meti en tridek du staciojn, la nomojn kaj adresojn de la esperantistaj gvidistoj kiuj estas je la dispono de la turistoj kiuj scipovas esperanton.

(Franca Esperantisto.)

**Esperanto kaj la Laboristoj.** — La Federacio de Laboristaj Esperantistoj de la Nederlandlingva regiono havis fine de 1936 152 grupojn. Ĝi aranĝis dum pasinta jaro 100 ekspoziciojn, 80 propagand-kunvenojn, 360 kursojn kun entute 5.600 kursanoj. En la sama jaro oni vendis pli ol unu miliono da ekzempleroj da propraj eldonaĵoj. La oficiala organo : Laborista Esperantisto aperas en 7650 ekzempleroj. Jen movado, kiu devigas al respekto.

(Laborista Esperantisto.)

**Esperanto en Brazilio.** — La Brazila Registaro simpatias al Esperanto. La 9-a Brazila Esp. Kongreso okazis en la Palaco de la Ministerio por Eksteraj Aferoj, senpage disponigita de la ministro s-ro Macedo Soares, kiu ankaŭ prezidis persone unu solenan kunvenon. La Prezidanto de la Respubliko s-ro Vargas estis patrono de la kongreso. La Ministerio eldonis belan Esp. gvidlibron pri Brazilio kaj la Poŝto specialan poŝtmarkon honore de la kongreso.

(Informoj.)

**Esperanto en Danujo.** — Por la lasta vintro invitis la danlanda Esperanta organizo 11 Cseh-instruistojn. La sukceso estis brila. Entute vizitis la kursojn 3000 lernantoj. Antaŭ 6—7 jaroj ekzistis en Danlando nur 7—8 Esp.-kluboj. Post nuna vintra sezono estos preskaŭ 100. Preskaŭ ĉiuj danaj urboj kaj multaj gravaj vilaĝoj havas klubon.

(Dana Esp.-Gazeto.)

**Esperanto en Japanujo.** — En Japanujo fondiĝis Esp. Sciencista Asocio, kies adresaro enhavas la nomojn de pli ol 450 japanaj sciencistoj, scipovantaj Esp-on, inter ili eminentaj profesoroj kaj lektoroj de universitatoj, direktoroj de hospitaloj, radio-stacio, observatorio k.a. La Asocio eldonos propran organon « Scienco ».

(Laŭ La Orienta Revuo.)

**Stranga afero en Portugalujo.** — En « Esperantobladet » ni legas, ke, pro ordono de la registaro, ĉiuj esperantistaj organizaĵoj devis ĉesigi sian funkciadon kaj ke la ejoj de la esperanto-kluboj estas fermitaj. Ni klopodos kontroli tiun novaĵon.

(Esperantobladet.)

**NOVAĴOJ.**

**Esperanto Venkas** :Tiel titoliĝas nova gazeto, eldonata de Hungarlanda Esperanto-Societo, grupo Ujpest. Enhavo parte en Esperanto, parte en hungara lingvo. 8 malgrandaj paĝoj. Ni ĝojas ke la hungaraj esperantistoj ree havas organon, kaj deziras al ĝi longan vivon.

**La Juna Vivo** : tiu ĉi porinfana gazeto pri kiu ni jam plurfoje parolis, havas ĉiam ankoraŭ la saman abundan kaj instruan enhavon kiel ĉe la komenco ; ĝi restas plej rekomendinda legaĵo por niaj esperantistetoj.

**Gazeto de Ameriko** : ĉiusemajna tutamerika esperanta organo, politike, religie, filozofie kaj naciece neŭtrala.

**BELGA ESPERANTO-INSTITUTO.**

Dimanĉon, la 2-an de Majo, je la 11a h., okazos en « Witte Leeuw », Frankrijklei, Antverpeno, la ĝenerala jarkunveno de la Koopera Societo « Belga Esperanto-Instituto ».



La nova gazeto kiu estas grandformata kaj tre bele eldonita, aperas en Rio de Janeiro, Brazilio, celas esti informilo pri aliaj landoj en Ameriko kaj pri Ameriko en aliaj landoj.

**Libroamantoj !** — Kontraŭ alsendo de unu aŭ du internaciaj respondkuponoj, por poŝtelspezoj, sinjoro Schramm, Tübbingen, Walthaüserstrasze, 34, Germanujo, sendos senpage bonajn esperantlingvajn librojn

### ESTRARO DE „ BELGA LIGO ESPERANTISTA "

**Prezidanto :** D-ro Paul Kempeneers, 19, Avenue Montjoie, Uccle. (Tel.: 44.53.00.)

**Vicprezidanto :** S-ro Léon Cogen, 52, Dreef, Ninove.

**Vicprezidantino :** F-ino Yvonne Thooris, 4, Wijnzakstraat— Rue de l'Outre, Bruĝo. (Tel. : 320.86.)

**Ĝenerala Sekretario :** S-ro Maurice Jaumotte, 44, Avenuo De Bruyn, Wilryck (Antverpeno). (Tel. : 777,58).

**Kasisto :** S-ro André Tassin, 1, rue St Joseph, La Louvière.

*Por pagoj de kotizoj, anoncoj, abonoj kaj donacoj :*
P.Ĉ.K. 1337.67 de Belga Ligo Esperantista (Wilrijck-Antverpeno).

*Por pagoj al I. E. L. :*
provizore al la privata P.Ĉ.K 4109.91 de S-ro G. Van den Bossche, teritoria sekretario.

*Por pagoj al Belga Esperanto-Instituto :*
P.Ĉ.K. 1689.58, Anverpeno (Willemsstrato, 21)



### INTERNACIA ESPERANTO-LIGO
### KOTIZOJ 1937

| | | | |
|---|---|---|---|
| MAH Fr. | 130.00 | MS Fr. | 200.00 |
| MJ Fr. | 22.00 | MA Fr. | 50.00 |

Patrono Fr. 750.00

MEMBRO KUN JARLIBRO (MJ) ricevas membrokarton, servokuponaron, kaj la Jarlibron.

MEMBRO-ABONANTO (MA) ricevas membrokarton, servokuponaron, la Jarlibron, kaj la monatan oficialan gazeton dum la jaro.

MEMBRO-ABONANTO-HEROLDO (MAH) ricevas membrokarton, servokuponaron, la Jarlibron, kaj la semajnan gazeton « Heroldo de Esperanto » dum la jaro.

MEMBRO-SUBTENANTO (MS) ricevas membrokarton, servokuponaron, la Jarlibron, kaj la monatan oficialan gazeton ; krom tio li rajtas ricevi premion.

**Noto:** la oficialaj gazetoj estas *Esperanto Internacia* monate, kaj *Heroldo de Esperanto* semajne

**PAGU VIAN KOTIZON AL :**
Via grupo aŭ al R.B.L.E. kune kun la kotizo, kiu por la Ligo estas Fr. 35,—.
Leterojn direktu al la Teritoria Sekretario S-ro Van den Bossche, Willemsstr., 21, Antverpeno.

Presejo de BELGA ESPERANTO-INSTITUTO, Koopera Soc., Willemsstrato, 21, ANTVERPENO.